# Esperanto en Azio

(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)
**N-ro 95**
Bulteno de KAEM
Majo 2017

---

## La 102-a UK en Seulo: universala kaj azia

**SO Jinsu (Prezidanto de KAEM)**
<so@kangnam.ac.kr>

Alproksimiĝas la 102a Seula UK, okazonta post 2 monatoj en Azio. Ĝis la 11a de majo, aliĝis 1,064 personoj el 61 landoj. Inter ili aziaj landoj kiel Koreio(224), Japanio(169), Ĉinio(105) superas ol la eŭropaj (Francio 81, Germanio 35, Rusio 31, Pollando 25, Hispanio 21) kaj amerikaj (Brazilo 35, Usono 22). En la Nitra UK aliĝis plej multe el eŭropo (Pollando 128, Germanio 122, Francio 120, Ĉeĥio 77, Slovakio 67) kaj ekster eŭropo (Japanio 63, Brazilo 48, Koreio 37, Ĉinio 31). Tio signifas ke UK karakterizas laŭ la okazejo, nome kontinento, kaj pagipovo.

Jam aperas sinsekve informoj kaj anoncoj por Seula UK per Dua Bulteno kaj organoj "Esperanto" de UEA. Kaj s-ro Stefan MacGill, vicprezidanto de UEA, publikigis la artikolon pri strategio de "Pli Universaliraj Kongresoj" sur la organo de UEA, en marto 2017. UK ja devas esti universala. Kaj ni aldone devus konsideri, kion ni adoptu karakterojn de okazanta kontinento por pli universaligi sin. Pri tio partoprenontoj abunde diskutus nun kaj en Seulo.

KAEM lanĉis 2 projektojn por la Seula UK: Azia Karavano 2-a kaj Azia Vespero. ‘Azia Karavano 2-a’ estas la refoja projekto inviti aziajn esperantistojn el B-landoj post la 1-a invito en 1994, okaze de la Seula UK. Per la monkontribuo de koreaj kaj japanaj samideanoj, 13 subvenciatoj el 12 landoj estas jam elektitaj, kaj nun estas en procedo pagi aliĝkotizon, kalkuli flugkoston inter subvenciato kaj estraro de KAEM, kaj dividi la ĉambron por loĝado. Legantoj povas vidi la liston de la subvenciatoj en aldona folio.

Kaj ‘Azia Vespero’ estos la festivalo fare de azianoj, sed por ĉiuj partoprenantoj en UK. Per sciigo de landaj eventoj, prezentoj de kantoj kaj dancoj, kaj kunmanĝo de aziaj manĝaĵoj ni ĝuos en la vespero de la 27a de Julio dum Seula UK. La estraro atendas viajn aktivajn partoprenojn..

Forte mi atendas nian renkontiĝon en Seulo.

## Koreio

### Momere al la 300a kurso de Seula Esperanto-Kulturcentro



En la jaro 1991 Seula Esperanto-Kulturcentro (SEK) estis fondita de LEE Jungkee* por disvastigi Esperanton al civitanoj. Kaj de tiam lia Esperanto-kurso senpaŭze daŭris ĉiumonate 26 jarojn. La lastan marton ĝi sukcese atingis la 300-an kurson, kaj SEK havis la signifoplenan feston nome de 'Memore al la 300-a kurso de SEK' la 1an de aprilo, 2017 en la halo de Seula Junulara Gastejo, en kiu ĉirkaŭ 120 esperantistoj kolektiĝis. Tra la 300-fojaj kursoj de SEK entute 1,888 civitanoj lernis Esperanton kaj multaj el ili tre aktivas en korea Esperanto-movado.

*LEE Jungkee : Prezidanto de SEK, eksprezidanto de KEA, estrarano de UEA, docento pri Esperanto en Kyunghee-Universitato.

**La festo konsistis el tri partoj**

La unua estis 'Arta Vespero'. Inter la partoprenantoj troviĝis sufiĉe da talentaj kantistoj kaj dancistoj. Jen, iliaj prezentaĵoj: korea popolkanto de s–ro YOON Sege, printempa kanto kun gitarludo de f-ino CHOI Sesilia kaj korea lirikeca kanto de la profesia kantistino Jeon Kyungok; okarino-ludo de s-ino KIM Okjeong kaj muziko de mandolina grupo gvidita de s-ino LEE Namheng; Popoldanco gvidita de s-ro WOO Byungin kaj la japana tradicia danco 'Awa' de s-ro Jasuo Tabuchi.

Poste sekvis la dua parto: Simpozio kun la temo "Por sukcesa Seula UK, kion ni faru?" sub la prezido de LEE Jungkee. Diskutis pri la temo kvar simpozianoj el Koreio kaj Japanio: koreoj estis prof. SO Jinsu (prezidanto de KAEM) kaj s-ino SHIN Eunsook (LKK-ano pri IIK en Seula UK), kaj el Japanio estis s-roj YAMAŜita Tosihiro (estrarano de Japana Esperanto-Instituto) kaj TABUĈI Yasuo (estrarano de Esperanto-Populariga Asocio). Ili proponis, ke Seula UK havu aziecan koloron, montru azian Esperanto-kulturon, kaj LKK pli aktive utiligu la homforton de kompetentaj aziaj esperantistoj, kiuj jam pretas helpi.

La tria estis ceremonio por 'Memore al la 300-a kurso de SEK'. Tra la invitsaluto, s-ro LEE Jungkee, prezidanto de SEK, esprimis sian koran dankon al ĉiuj ĉeestantoj, kiuj venis por gratuli la feston ne nur de Seulo, sed ankaŭ de aliaj urboj eĉ malproksimaj. Li emfazis, ke tiel

longan tempon li daŭrigis sian kurson senpaŭze por doni esperon kaj kuraĝon al ĉiuj esperantistoj, kiuj klopodas diskonigi Esperanton en la mondo. D-ro Mark Fettes (prezidanto de UEA) gratulis la feston kun jena mesaĝo ‘Se ekzistus la verda libro de Mondaj Rekordoj, mi forte supozas, ke la Seula Esperanto-Kulturcentro havus honoran lokon en ĝi!’ S-ino Mireille Grosjean (prezidanto de ILEI) kaj d-roj Renato Corsetti kaj Probal Dasgupta (eksprezidantoj de UEA) mesaĝe gratulis la feston. Plu sekvis la gratulsalutoj de koreaj espserantistoj: prof. SO Gilsu (honora membro de UEA), d-ro KIM Young-myung (pediatro), s-ro KIM Sangik (pastro de Ŭonbulismo), s-ro HONG Sungjo (konsilanto kaj prezidanto de Esperantista Asocio de Ŭonbulismo).

Laste s-ino JUNG Yang-yoon ricevis dankesprimilon de SEK, ĉar ĉiumatene ŝi dissendis belajn frazojn de Esperanto al komencantaj lernemuloj per reta mesaĝilo, kaj la koruso el lernantoj de la 300-a kurso kantis ‘Sanktaruĉio’-n. Post tio la ĉeestantoj disiĝis denove gratulante la feston kaj promesante rerenkontiĝon post kvar jaroj en la nomo de ‘Memore al la 350-a kurso de SEK’.

## Vintra Kurso 2017

De la 3a ĝis la 5a de marto okazis Tutlanda Vintra Kurskunveno 2017 en la Yuseong Junulara Gastejo, en kiu partoprenis 71 homoj, inkludante 2 eksterlandanojn. La programeroj estis abundaj :

1. Prelegoj pri ILEI kaj Seula UK
2. Raportoj pri “Esperanto-sumoo”, “Fundamenta Krestomatio”, “Internacia Infana Kongreso” kaj “Komuna staĝo de Esperanto-Sarangbang kun tajvana grupo”.
3. Intensivaj kursoj (“Bensona Metodo” kaj “Vojaĝo al Esperanto-lando”)
4. Kursoj por baza nivelo (“Prononcado, strukturo kaj frazformo”, “Enkonduko”, “Kartludo”)
5. Paroligaj kursoj por postbaza nivelo (“Refleksivo, tensoj, participoj kaj temporilatoj”, “Kliniko” kaj “Diskuto”)
6. Kulturaj programeroj (“Popoldanco”, “Paca gruodanco”, “Kantado” kaj “Skeĉoj”)

**Nepalo**

# Sukcese okazis la 12a Himalaja Renkontiĝo



La 12a Himalaja Renkontiĝo okazis de la 26-a de februaro ĝis la 8-a de marto 2017. Partoprenis la tutan programon entute 38 esperantistoj, kaj simila nombro nur parton. La partoprenantoj inkluzivas 15 personojn el Japanio, 6 el Slovakio, 2 el Danio, 2 el Usono, Po 1 Tajvano, Germanio, Vjetnamio; ĉiuj aliaj estis nepalanoj. La ĉi-jara celo de la programo estis konigi naturon kaj kulturon de Nepalo pere de la lingvo Esperanto. Ni organizis ekologian piedvagadon por ke partoprenantoj spertu belan naturon kaj asimiliĝu kun loka kulturo.

La programo komenciĝis la 26an de februaro per akceptado de la gastoj; NEspA formale bonvenigis ilin en la 27a vespere en la hotelo Marsangdi en la distrikto Thamel en Katmanduo. Ĉefa gasto s-ro Hori Jasuo el Japanio, KAEM-ano s-ro Mukunda Raj Phatik, Renkontiĝ-ĉefo s-ro LP Agnihotry kaj prezidantino de NEspA Indu Devi Thapaliya solene malfermis la programon. Reprezantantoj el diversaj grupoj : Japanio: s-ro Hori Jasuo, Slovakio: s-ro Jen Vajs,

Danio: Peter Wraae, Usono: s-ro Wongill Kim, Vjetnamio: s-ro Nguyen Van Ha, Tajvano: s-ro You Manlai, Germanio: Peter Kuhnel. Ĉiuj parolantoj deziris sukceson de la 12a Himalaja Renkontiĝo.

Sestaga piedvagado komenciĝis la 1an de marto. Ni ekmarŝis de Kawukhola kaj la 4an de marto atingis la montpinton Tara Hill Top (ĉirkaŭ 2900 metrojn alta), trairinte la vilaĝetojn Tanting (1900 m) kaj Sikles (2000 m). Krom unu nokto en Tara Hill Top, ni ĉiam restis en hejmoj de etnaj vilaĝoj. Ni manĝis / agis same kiel vilaĝanoj faras tie. Plejparte ni trapasis arbaron kun abundaj floroj en bela naturo. En la pinto ni povis vidi neĝajn montojn 7000-metrojn altajn. Ĉiuj emociiĝis, kaj iuj eĉ larmis.

Okazis solena fermo la 8an de marto vespere je la 5:30 en la sama hotelo. NEspA disdonis al la partoprenantoj atestilojn de la 12a Himalaja Renkontiĝo kaj nepalan ĉapon Topi. NEspA honorigis per ŝalo du partoprenatinojn, s-ino Sasaki Yoneko kaj s-ino Stanislava Klimesoca, kiuj malgraŭ ilia vundiĝo en kruro kaj mano kuraĝe daŭrigis la vojaĝon.

Unuan fojon ni bonvenigis 6 slovakojn kaj unu vjetamon en la 12a Himalaja Renkontiĝo en nia historio. Ĉiuj ĉeestantoj faris aplaŭdojn, komentojn, sugestojn por la estontaj Himalajaj Renkontiĝoj. La renkontiĝo estis fermita de la prezidantino de NEspA Indu Devi Thapaliya kaj renkontiĝo-ĉefo LP Agnihotri, kaj poste sekvis komuna dancado en la halo.

Fine ni dankas al ĉiuj organizantoj kaj individuoj, kiuj helpis por sukcesigi la historian 12an renkontiĝon en Nepalo. Nome de la organizantoj ni pardonpetas, se ni iam kreis malĝojan etoson dum la vojaĝo. La 13a Himalaja Renkontiĝo okazos laŭ la plano, kaj ni informos vin pri la loko poste.

Bharat K Ghimire <nespa.1990@gmail.com>

En 2018 okazos la 3a Speciala Renkontiĝo, kiu konsistos ĉefe el busvojaĝo. En 2019 okazos la 13a Himalaja Renkontiĝo kun piedvojaĝo en la montaro.

# Turkio

## LINGVISTIKA ESPLORO PERE DE ESPERANTO

En la turka ŝtata universitato de Erciyes en la fako de “Instruistoj de la Angla”, profesoro Dr. Erdem Akbaş kondukas klas-esploron uzante Esperanton kiel medio.

La esploro estas pri la efikoj kaj interagoj de la denaska kaj la dua lingvo sur la akirado procezo de la tria lingvo. Tiaj lingvistikaj esploroj estas tre limigitaj. La esploro okazos inter marto kaj junio 2017 en la klaso de “Lingvo Akirado” kun 70 studentoj, kaj la celo estas malkovri kiel tiaj tri lingvoj interagadas dum lernado.

La tria lingvo en la esploro estas la antaŭe ne konata lingvo, nome Esperanto, kiu havas reputacion esti facile kaj rapide lernebla.

La studentoj lernos Esperanton kaj registros kun kritika perspektivo en taglibro siajn spertojn dum ilia lernado. Ili analizos la spertojn, pensojn kaj sentojn registritajn kaj la studentoj ankaŭ preparos materialojn kaj lernoplanojn por instrui Esperanton, kiel modelo por iliaj laboroj post la universitato. En la fino de la lerneja jaro okazos grup-orientitaj kaj duon-strukturitaj intervjuoj kun la subjektoj per la celo provizi kvalitajn datumojn por la pritakso de la procezo.

La profesoro intencas prezenti la rezultojn de la esploro, post ilia analizo, en konferencoj kaj akademiaj eventoj kaj kunhavigi ilin kun aliaj akademianoj, kaj esperas, ke ĝi publikiĝos kiel akademia artikolo.

Vasil Kadifeli: vasilkadifeli@gmail.com

## Aperis “Turka Stelo” n-ro 16

“Turka Stelo” estas tre bela gazeto kompilita de Vasil Kadifeli. Ĝi havas 28 paĝojn kun riĉa enhavo, ekzemple novaĵoj pro UEA kaj TEJO, “Mallonga historio de filozofio” verkita de Vasil, “Mi estis aktivulo kontraŭ Esperanto” verkita de Vilhelmo Lutermano, Rakonto de Elena Popova, Intervjuo de Boris Kolker, Kuirarto, Ŝercoj ktp. Se vi volas ricevi la revuon, direktu vin al Vasil: vasilkadifeli@gmail.com

## Japanio

### 126 mesaĝoj el 41 landoj al Hiroŝimo

Ekde la 25a de februaro ĝis la 7a de marto, ni ekspoziciis ĉe la Virina Centro de Hirosima 126 mesaĝojn el 41 landoj kaj teritorio por la Internacia Virina Tago 2017 en Hiroŝimo.

En la kunveno okazinta la 5an de marto, kun 264 aktivaj virinoj el la 22 organizoj, s-ino OSIOKA Taeko laŭte voĉlegis tri el la mesaĝoj, kaj la aliajn mesaĝojn partoprenantoj ricevis kiel presitan dokumentaĵon de la evento. Vi vidas sube la liston de la mesaĝoj senditajn de esperantistoj en la mondo.

**Azio:** Hinda unio 1/ Indonezio 3/ Irano 1/ Israelo 1/ Tajvano 1/ Pakistano 1/ Uzbekio 1/ Vjetnamio 2.

**Afriko:** Burundo 1/ Togolando 1.

**Oceanio:** Aŭstralio 2.

**Nordameriko:** Kanado 2/ Usono 1.

**Latinameriko:** Brazilo 1/ Kubo 9/ Mekisiko 1/ Peruo 1.

**Eŭropo:** Albanio 1/ Aŭstrio 2/ Belgio 5/ Bulgario 1/ Ĉeĥio 4/ Danio 1/ Francio 24/ Germanio 10/ Grekio 2/ Hispanio 1/ Hungario 7/ Irlando 1/ Italio 7/ Kroatio 8/ Litovio 1/ Luksenburgio 1/ Nederlando 4/ Pollando 2/ Serbio 3/ Slovakio 1/ Slovenio 3/ Svedio 3/ Svislando2 / Ukrainio 2.

Hiroŝima Esperanto-Centro planas eldoni libroforme elektitajn mesaĝojn espereble en 2017.

OSIOKA Taeko, Hiroŝima Esperanto-Centro, Japanio

### La 34a Publika Unutaga Kurso de Esperanto en Tokio



La evento nomiĝas "La 34a Publika Unutaga Kurso de Esperanto" organizita de 8 Esperanto-Grupoj de Tokio. La parolantoj estis Phuong Bui el Vjetnamio kaj Fanny Karin Kawabata Tjäder el Svedio. Krome salutis Jhon (Vjetnamio) kaj Luka (Francio).

## Jacugatake-Esperanto-Domo malfermiĝis

Jacugatake-Esperanto-Domo estas kursejo kaj vilao de Japana Esperanto-Instituto, kiu situas apud la monto Jacugatake okcidente 150 kilometrojn for de Tokio. Ĝi havas 23 jaran historion, sed la komitato de la Domo prizorgas ĝin, do ĝi ĉiam tenas belecon kaj purecon. Dum vintro ĝi estas fermita, kaj la 9an de aprilo ĝi vekiĝis kaj komencis servon por esperantistoj enlandaj kaj eksterlandaj.



La 21an – 23an de aprilo okazis Printempa Renkontiĝo de la Domo kaj kolektiĝis 11 homoj, kiuj ĝuis la restadon, okupiĝante pri farado de sia stampo el ŝtono kaj pri ornamado de vitraj tasoj per belaj desegnaĵoj. Iuj promenis kaj aliaj biciklis kaj ĝuis naturon ĉirkaŭ la Domo.

La 1an kaj la 2an de majo vizitis la Domon franca paro, ges-roj Senecal. Ili vere ĝuis promenadon en nature kaj vespere ili ĝuis banadon en varmfontejo, rigardante la belegan monton Fuĵi.

La Domo estas kvazaŭ arta galerio kun pentraĵoj kaj pupoj el la mondo, kaj samtempe ekipita per ĉio necesa por loĝi komforte.

La Domo fermos meze de novembro, kaj dume okazos diversaj kursoj, eventoj, renkontiĝoj ktp. La 24an-26an de junio okazos Kurso por lernantoj de la koresponda kurso de s-ro Fuĵimaki, kaj la 26an-28an de aŭgusto okazos Nur-Esperanto-Kunvivado.

La Domo atendas viziton de eksterlandaj esperantistoj. Por pli da informo turnu vin al HORI Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp.

# « Hajkoj pri la Japana Katastrofo »

HORI Jasuo (Japanio)




Dum mia helpagado por la gelernantoj de la urbeto Tooni de la urbo Kamaiŝi, mirakle mi renkontis multajn bonajn homojn. Unu el tiuj homoj estas s-ino Terui Midori.

S-ino Terui estas instruisto de la japana lingvo en la supera mezlernejo Kamaiŝi, kaj en tiu tago de la cunamo ankaŭ ŝi suferis, perdinte multajn konatojn. Ŝi vidis multajn mortojn en la urbo, kaj vivis en rifuĝejo, tial ŝiaj hajkoj donas grandan impreson. Mi estis tiel emociita, ke mi sendis leteron al ŝi, kaj komenciĝis nia rilato.

Jam mi eldonis la librojn 'Memoroj pri la Japana Katastrofo" kaj "Postlasitaĵoj de la Japana Katatrofo", kaj volis eldoni la trian libron en tiu serio de « Katastrofo ». Mi komencis traduki ŝiajn hajkojn en Esperanton, kaj proponis de ŝi la eldonon. Ŝi konsentis. Mi cerbumis pri la enhavo de la libro, kaj decidis, ke ĉe ŝiajn hajkojn mi metu miajn fotojn, por ke legantoj povu pli bone kompreni ŝiajn hajkojn, foje iom ne facile kompreneblajn.

Mi eldonis 1000 ekzemplerojn, plej multkvante en mia eldonejo Horizonto. Per tiu eldono, mi celis tri aferojn : 1. rememorigo de la Katastrofo 2. monofero al Tooni el la profito 3. disvastigo de Esperanto. Kaj kiel la 4a celo mi esperas, ke la libro estos eldonita en eksterlando. Jam 600 foriris el mia domo kaj mi jam antaŭvidas forvendon de ĉiuj 1000 ekzempleroj. Mi esperas, ke esperantistoj helpos min en disvastigo de tiu libro kaj en Japanio kaj en eksterlando.

Post la Katastrofo, mi uzas Esperanton por raporti pri ĝi, kaj mi konstatas, ke Esperanto havas grandan forton, eĉ forton por vere ŝanĝi la mondon. Ni esperantistoj, estante fieraj, plu laboru por krei pacan mondon. (A4, 32 paĝoj, koloraj fotoj, en la japana kaj Esperanto)

# « Nia mirinda vojaĝo kaj aliaj rakontoj »

HORI Jasuo (Japanio)




De antaŭ kelkaj jaroj mi sendas miajn verkojn al la Literatura Konkurso okazanta dum la Japana Kongreso. Mi metis tiujn verkojn en la serio de « Raportoj el Japanio », sed tiuj libroj ne estas celitaj al komencantoj. Mi volis, ke miaj rakontoj estu legataj de pli multaj homoj, tial mi kolektis tiujn 4 kaj faris tiun ĉi libron.

Tiu ĉi libro konsistas el 5 rakontoj:

1. *Klonput*, vjetnama bambua muzikilo
2. Iitate, mia revo
3. Al kara knabino Nonoha
4. Gantoj
5. Nia mirinda vojaĝo

Ĉiuj estas tre karaj por mi, sed mi rakontos pri la lastaj du.

« Gantoj » temas pri studentino, kiun mi instruis en universitato. Ni interŝanĝis niajn gantojn kiel la reciprokajn memoraĵojn, sed post 3 monatoj ŝi estis subite mortigita. Kion mi faru pri ŝiaj gantoj?

« Nia mirinda vojaĝo » temas pri du bicikloj, kiuj vojaĝis de Japanio al Rusio. Kial ili devis iri tien kaj kian vivon ili havis ?

Mi opinias, ke Esperantaj verkaĵoj devas esti facile legeblaj, ĉar Esperanto devas esti ponto inter homoj. Iuj temoj en tiu ĉi libro estas seriozaj, sed seriozaj aferoj devas esti pli facile kompreneblaj. Mi ĉiam klopodas skribi klare, uzante facilajn esprimojn kaj vortojn. Mi esperas, ke vi ĝuos tiujn verkojn kaj pli amas Esperanton.

(A4, 32 paĝoj, koloraj fotoj, en Esperanto)

## Ĉinio

### Ĉinlingva libro pri Zamenhof eldoniĝos

Kiel vi bone scias LEA (Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, verkos kaj eldonos serion de libroj por la Zamenhofa jaro. Nun ni finverkos la libron “La Kreinto de Esperanto Zamenhof kaj Lia Klano” (en la ĉina lingvo).

Antaŭ ol verki la libron, ni penege prifosis kaj legis multege da historiaj materialoj, ekz. ni unuafoje scias, ke Leon Zamenhof kaj Aleksander Zamenhof, du junaj fratoj de la kreinto, venis al Ĉinio kaj restis en la provinco Liaoning. Ni eldonos la libron en junio kaj aperigos ĝin en la 102-a UK en Seulo.

Wu Guojiang (Vic-prezidanto de LEA) ghemelurboj@sina.cn

### La 6a sesio de la konsilio en Ŝanghai

La dekunua kunveno de la sesa sesio de la konsilio de Ŝanghai-a Esperanto-Asocio okazis en Ŝanghai-a Fremdlingva Universitato.

La 4an de marto Ŝanghai-a Esperanto-Asocio okazigis la 11an kunvenon de la 6a sesio de la konsilio en Ŝanghai-a Fremdlingva Universitato tenite de la prezidanto de la Asocio s-ro Wang. En la kunveno oni diskutis kaj aranĝis la ĉefajn laborojn ĉi-jare:

1. ŝanĝi konsilion de Ŝanghai-a Esperanto-asocio,
2. suplementi konsilianojn,
3. okazigi Esperanto-forumon en 5 provincoj kaj urboj,
4. aranĝi aktivecon de Ŝanghai-a Esperanto-salono,
5. diskuti pri la aferoj koncernantaj la 102-an UK-n kaj la 12-an tutlandan Esperanto-kongreson,
6. aranĝi kaj partopreni en sociscience populariga aktiveco-semajno kaj scienca aktiveca monato de Ŝanghai-a Sociscienca Federacio,
7. okazigi pentraĵ-rulaĵan subskriban aktivecon rilatan al la celebro de la 102-a U K kaj okazigi Esperanto-kurson.

raportita de Shen Xiaoxi

esperantigita de Ji Yingeng yingengji@163.com

## Simpozio pri nova libro “Verda Mondo”




La 9an de marto 2017 en Benxi, urbo de la provinco Liaoning, Ĉinio, okazis simpozio pri la libro (la longa raportaĵo) “Verda Mondo—la Ĉinio-japana destina rilato inter Liu Ren kaj Verda Majo” （《绿世界——刘仁与绿川英子的中日情缘》）gastigita de la municipa komitato de la Partio, Liaoning Verkista Asocio kaj Liaoning-a Eldonejo kaj organizita de Benxi-a Literatura Federacio kaj Benxi Verkista Asocio. La libro rakontas pri la esperantistaj geedzoj Liu Ren kaj Verda Majo (la Esperanta nomo de s-ino HASEGAŬA Teru). Sep famaj literaturaj komentaristoj el la urbo kaj la provinco profunde diskutis pri la libro je verka atingo, literatura valoro kaj signifo de historio kaj aktualeco.

La libro eldoniĝis en februaro 2017. Ĝia aŭtoro estas s-ro Wang Zhongxu, membro de Ĉina Verkista Asocio kaj prezidanto de Benxi Verkista Asocio. Li publikigis ankaŭ kelkajn artikolojn pri Verda Majo. La libro estos signifa por la Zamenhofa Jaro en 2017.

Wu Guojiang, vicprezidanto de Liaoning-provinca Esperanto-Asocio
<ghemelurboj@sina.cn>

*Hasegaŭa Teru (1912-1947), japana esperantistino, kiu edziniĝis al ĉina esperantisto Liu Ren, kaj en Ĉinio ŝi batalis kaj verkis kontraŭ la japana invado en Ĉinion.

## La reta versio de la 2-a numero de « Tra la mondo »

La reta versio estas plene senpaga. Bv dissendi ĝin al viaj kolegoj kaj amikoj. Viaj instruo kaj artikolo estas bonvena!

Trezoro Huang Yinbao, trezoro@qq.com
Redakcio de *Tra la mondo,* Esperanto-Centro Ora Ponto

# Israelo

## La tri-taga Israela Kongreso en Aŝkelon



Finiĝis la tri-taga Israela Kongreso en Aŝkelon. Partoprenis 50 personoj, pluraj novaj, kaj 7 eksterlandanoj, kiuj ankaŭ partoprenis/os la antaŭ- aŭ post-kongresajn ekskursojn.

La programo estis riĉa, kaj videblas en la kongresa retpaĝo, http://esperanto.org.il/ik.html, kie troviĝas la kongesa libreto http://esperanto.org.il/dosieroj/IK18libro.pdf.

Kiel kutime, en la matenoj okazis ekskursoj al la turismaĵoj de la kongresurbo, posttagmeze - kleriga programo kaj laborgrupoj, kaj vespere - arta programo, kiu ĉi-jare gastigis la bardojn Edgar (Asorti) kaj Mikaelo Bronŝtejn.

La partoprenantoj ricevis la novan numeron de « Israela Esperantisto », 162/163, kiu troviĝas jam en la retejo, http://esperanto.org.il/dosieroj/IE162_3.pdf, kaj turisman dosieron de la urbo Ashkelon.

Fotojn de la Kongreso videblas ĉe
https://get.google.com/albumarchive/105030054444214202226/album/AF1QipORIr1IfMlY_jzxwBslJQPJaSbkeTOeKpdsR_-w
kaj de la 5-taga antaŭ-kongresa ekskurso al Jerusalemo, Morta Maro, Ruĝa Maro kaj Jordanio:
https://get.google.com/albumarchive/105030054444214202226/album/AF1QipMuQpMtFrmAVk53idJV6zGlnDbGj9MWKWZ7KnlL

Amri Wandel, Prezidanto de ELI, amriwandel@gmail.com

# Pakistano

## Raporto de 39-a Jara Kongreso de Esperanto

La 30-an de decembro 2016, ni sukcese okazigis nian 39-an jaran kongreson de Esperanto en la urbo Multan. Okazis vespere kunsido, en kiu samideanoj el diversaj urboj raportis pri siaj agadoj en siaj urboj. Ankaŭ Estraro de PakEsA raportis.

**Elektoj de Estraro de PakEsA (2017-2018 por du jaroj)**

Poste okazis elektoj de PakEsA por du kalendaraj jaroj (2017-2018).

Prezidanto kaj Komitatano de UEA: s-ro Shabbir Ahmad Sial
Ĉef-Vic-Prezidanto : s-ro Prof. Rahim Shah Khan
KAEM-ano: s-ro Abdul Qaddoos Shafique

**Plano por la Jaro 2017**

La unua kunsido de la estraro de PakEsA kaj seminario en memoro de forpasinta Allama Muztar Abbasi, ĉef-fondinto de PakEsA, okazos la 26-an de februaro 2017 en la urbo Multan.

La dua kunsido de la estraro okazos la 24an de junio 2017 en la urbo Murree.

La tria kunsido de la estraro okazos la 15an de septembro 2017 en la urbo Lahoro.

La kvara kunsido de la estraro kaj la 40a Jara Kongreso okazos la 15an - la 16an de decembro 2017 en Lahoro.

**Decidoj**

Oni decidis aranĝi Esperanto-klasojn antaŭ kaj post la estrara kunsidoj en Lahore, Multan, Rawalpindi, Islamabado kaj Murree, kunlaborante kun eks-estraranoj de PakEsA.

Oni formis delegitaron konsistantan el 6 personoj por partopreni en la 102-a Universala Kongreso en Seulo.

Oni decidis aktivigi lokajn grupojn en diversaj urboj, speciale en tiuj urboj, kie antaŭe la movado de PakEsa estis aktiva.

Oni decidis presi lernolibrojn kaj vortaron por komencantoj.

# Indonezio

## Ni Memorigis la Centan Mortdatrevenon de Zamenhof

Subtenante la agadon de UEA, kiu deklaris, ke ĉi-jare estas jaro de Zamenhof okaze de sia centa mortdatreveno je la 14a de aprilo, nia Ĝakarta E-klubo “Esperiga Suno” kunlaboris kun Indonezia Esperanto-Asocio (IEA) aranĝis specialan kunvenon. La kunveno, kiu estas fakte de monata kunveno, okazis la 16an de aprilo 2017. Ĉeestis 13 klubanoj, kiuj loĝas en Ĝakarto kaj la cirkaŭaj urboj.

La programo komenciĝis posttagmeze per Esperanta kanto “Esperanto estas la lingvo por ni, por vi” kaj ĉiuj kune kantis por krei la verdan etoson.




Post la kantado, ni daŭrigis la programon per ludoj, kaj unue ni ludis “falsa aŭ vera”. Mi, kiel gvidantino, legis la tekston pri vivo de Zamenhof kaj la movado, kaj petis respondon de klubanoj, ĉu la fakto estas falsa aŭ vera. La klubanoj konsentis, ke tiu ĉi ludo helpis pligrandigi la scion pri Zamenhof kaj lia vivo. Post 45 minutoj, ni ludis alian amuzan ludon, kiu donis ŝancon al ĉiuj por krei mallongajn

frazojn ĝuste dum 2 minutoj. Iu, kiu pli multe kreis la frazojn ĝuste, gajnis la premion.

Rilate al la ĉefa temo de la kunveno pri mortdatreveno de Zamenhof, la klubanoj skribis amleteron por esprimi sian senton kaj respekton al la kreinto de Esperanto. Kelkaj el ili skribis, kiel bone Esperanto ŝanĝis sian vivon kaj helpis trovi bonajn amikojn. Pro tio ili multe dankas al Zamenhof pro lia grava laboro. Alia skribis, ke pro Esperanto ŝi spertis amikecon inter alilandanoj, kiuj grandigas la scion pri alia kulturo. Poste, ĉiuj subskribis sur la tabulo, kiu estis preparita kiel memortabulo de la centa mortdatreveno.

Antaŭ la fino, ni denove kune kantis la kanton “Dankon Zamenhof” kaj amuze dancis. Ĉiuj opiniis, ke la kunveno estis bone aranĝita kaj utila por praktiki Esperanton. Kiel kutime, ni ĉiam postulos, ke la ĉeestantoj de la klubo parolu Esperanton kaj evitu krokodili. Nur se estus komencanto, li aŭ ŝi povis paroli la indonezian kaj eklernas la simplan frazon Esperante. Ni kune fotiĝis kaj agrable adiaŭis por la sekva kunveno en majo 2017.

Ilia Sumilfia Dewi : iea@esperanto.or.id

# Barato

## Konciza Hindia-Esperanto Dudirekta Vortaro

Merita kolkata esperantisto, Prodip Dotto, kiu jam instruas la hindian per Esperanto al interesiĝantaj esperantistoj, nun verkis novan verkon: Konciza Hindia-Esperanto Dudirekta Vortaro.

Li grandanime donacas ĝin al tiuj, kiuj ĝin petos al lia ret-adreso: prodipdotto@gmail.com .

Ne temas pri simpla 'pdf' kopio, sed estas komputila programo sen la helpo de la interreto. Por efike funkciigi tiun vortaron oni bezonas elŝuti en sia komputilo la senpagan programon 'OpenOffice' : https://www.openoffice.org/download/

Mi instigas esperantistojn peti la verkon kaj konatiĝi kun ĝi, Komparo de la hindia kaj de Esperanto certe estos fruktodona laboro por nia lingvo, kiu celas iĝi tutmonda.

Renato Corsetti renato.corsetti@gmail.com

## Vjetnamio

# LA 17-A PRINTEMPA RENKONTIĜO

### «Ni AGADU POR LA 9-A AZIA KONGRESO DE ESPERANTO»




La 12-an de marto 2017, Vjetnama Esperanto-Asocio (VEA) okazigis la 17-an Printempan Renkontiĝon en la sidejo de Vjetnama Unio de Amikecaj Organizoj (VUAO). Ĉiujare post Tet-festo, vjetnamaj esperantistoj kolektiĝas en tiu ĉi aranĝo por gratuli unu la aliajn kaj diskuti farendaĵojn en la nova jaro.

La renkontiĝo komenciĝis per artaj prezentaĵoj prezentitaj de membroj de la klubo «Ajurvedo». Ili ne nur bone kantis sed ankaŭ bele dancis.

La temo de ĉi-jara evento estis «Agadu por la 9-a Azia Kongreso de Esperanto» kaj VEA-prezidanto Nguyen Van Loi utiligis ĉi tiun ŝancon por prezenti al ĉeestantaj esperantistoj la planon de la Asocio por gastigi la plej gravan eventon de la azia regiono. Efika kunlaborado inter vjetnamoj sendube estas la plej grava, necesa faktoro por ke la 9-a AK sukcese okazu.

Ene de la programo, ĉeestantoj ankaŭ aŭskultis rakonton alportitaj de esperantistoj, kiuj ĵus partoprenis en Esperanto-aranĝoj eksterlande. Fraŭlino Do Thuy ĝoje kaj emocie esprimis sian senton kaj impreson

dum sia restado en Tajlando okaze de la evento «Verda Lernejo». Ĵus reveninte de Nepalo, s-ro Nguyen Ha detale rakontis pri sia partopreno en la 12-a Internacia Himalaja Renkontiĝo.

Okaze de la Printempa Renkontiĝo, VEJO invitis vjetnamajn samideanojn partopreni en la 5-a Somera Renkontiĝo (SOREN) 2017, kiu okazos de la 14a ĝis la 16a de julio en la belega urbeto Sapa.

Daŭrigante la programon, Informada Komisiono dissendis paperan version de numero 1 de la bulteno «Verda Mesaĝo el Vjetnamio». Krome, reprezentanto de IK ankaŭ alvokis ĉiujn aliĝi al la Marta Sumoo kaj partopreni en la 102-a UK en Seŭlo, Koreio.

- Informada Komisiono de VEA -

# Malajzio

## Ni bezonas esperantistajn herbistojn

Kundasang-Esperanto-Cento (KECo) en Kundasang, Sabaho, Malajzio, jam pretas malfermi herban ĝardenon por esplori herbojn por sano. S-ro Jain SAUTING, kiu uzas sian domon kiel Sudan Orientan Azian Domon (SOA-DOMO). La celo estas organizi trejnajn kursojn por lokaj esperantaj junuloj, SOA-anoj kaj internaciaj herbistoj. KECo ankaŭ organizos turismon al la monto Kinabalu. La Centro povas doni laboron por lokaj gejunuloj, kiuj lernos Esperanton.



La SOA-Domo estas bona loko por la skolta ĵamboreo en la estonta jaro, kiam Skolta Esperanto-Ligo festos sian 100-jariĝon.

La Centro jam invitis s-ron ENG por enkonduki Esperanton al tri lokaj gejunuloj. Por pli da informoj, legu en Facebook-a grupo, Kundasang-Esperanto-Centro.

Adamo ENG saluton2010@gmail.com

# Filipinoj

## Aprilo: Bona Monato por Kresko kaj Interkonatiĝo




La monato de aprilo vidis efektive bonajn oportunojn kaj antaŭenpaŝojn por Filipina Esperanto-Junularo (FEJ). Unue, ene de ĝi registriĝis la plej granda nombro de aliĝoj ĉi-jare: 7, inter kiuj ses konsistis el inoj kaj anoj de la GLAT-komunumo. Nuntempe, en FEJ anas plejmulte viroj, kaj ni strebas krei pli egalecan etoson. Nun, la membraro estas 66-kapa.

De la 10a ĝis la 14a de aprilo, okazis baznivelaj instrusesioj de la lingvo en la biblioteko de la Fakultato pri Lingvistiko en Universitato de Filipinoj. Albert Stalin T. Garrido instruis, kaj partoprenis tri homoj. Post unu semajno, Garrido vizitis la provincon Cavite kaj renkontis du student-gvidantojn: Darwin Paming de la ekologiisma klubo de la Ŝtata Universitato de Cavite, kaj f-ino Mae Paula Ross Clareza, de la Klubo de Internaciaj Volontuloj de Filipina Norma Universitato.

Ĝis nun, partoprenos ĉirkaŭ du homoj en la ĉi-jara Universala Kongreso, unuafoje post jardekoj. FEJ ankoraŭ petas mondonacojn de bonkoraj azianoj por ebligi la lastminutan aliĝon de pliaj samideanoj al delegacio.

Albert Stalin T. Garrido
(Prezidanto de Filipina Esperanto-Junularo, FEJ)
esperanto.philippines@gmail.com
Facebook/Twitter: @ASTGarrido

# Taĝikio

## Nia situacio pri la Esperanto-movado




Esperanto-movado ankoraŭ vivas en nia lando, sed esperantistoj (kaj mi mem) ne estas tiel aktiva kiel antaŭ deko da jaroj. Mi kaj nia amiko el Usono (s-ro Benjamin) instruis kaj nun mi sola instruas al komencantoj. Ili ege volas partopreni en la UK en Seulo, sed mankas monrimedoj.

Mi mem ne estas tiel aktiva kiel antaŭe, ĉar pasintjare mia loĝejo estis prirabita kaj bruligita de sovaĝaj ŝtelistoj. Feliĉe, fajrobrigado rapide venis kaj estingis la incendion. (Tiutempe mi estis en vojaĝo.) Pereis parto de mia biblioteko, mono, kajeroj kaj aliaj aĵoj. Nun mi okupiĝas pri renovigado de la loĝejo.

Pasintjare, en oktobro, min vizitis nia amiko el Budapeŝto, s-ro Thomas. Dum unu monato li loĝis ĉe mi. Ni organizis renkontiĝojn kun komencantoj. Ĉi-jare, en marto, nin vizitis esperantisto el Irano, s-ro Masud Godarzi. Ni okazigis renkontiĝojn en kafejoj dum la tagoj de internacia festo Nauruzo. S-ro Masud bonhumure paroligis la komencantojn. Unu, la plej maljuna, eĉ ricevis mondonacon de li.

Hodiaŭ mi vizitis la bibliotekon por junularo. Tie mi parolis kun la direktoro pri la ebleco organizi rondeton de junuloj por informi kaj instrui Esperanton. La direktoro akceptis mian proponon. Do, mi esperas, ke la movado aktiviĝos en nia montara lando.

Amike, Firdaus komintel@yandex.com

# Centra Azio

## Floru 200 floroj – Pri Centra Azio.

Centra Azio estas teritorio forlasita de Dio, Marks kaj Zamenhof. Atentas pri ĝi nur kelkaj potencaj landoj, kiuj volas utiligi la lokajn krudmaterialojn aŭ utiligi la landojn por siaj militaj-strategiaj planoj kontraŭ Rusujo. En ĉi tiuj kondiĉoj, kial poste miri, se tiuj landoj iĝas ankaŭ landoj de teroristoj aŭ simple de malriĉaj homoj pretaj je ĉio.

Ĉiuokaze ni devas interesiĝi pri Esperanto en tiuj landoj kaj ni devas konstati, ke la tavoleto da esperantistoj estas tre maldika. Tio ne devas resti tia. Mi estas konvinkita, ke Esperanto floros en la mondo, nur kiam estos bona nombro da esperantistoj en ĉiuj proksimume 200 landoj de la mondo, do ankaŭ en Centra Azio. Do, se legantoj de ĉi tiu revuo konas esperantistojn en centraziaj landoj, ili bonvolu informi ilin pri la jena ligo: http://www.gazetaro.org/mamutido .

Temas pri ruslingva reta kurso, prizorgata de Tatjana Loskutova, kiu celas atingi la ruslingvanojn, kiuj loĝas en Centra Azio. Malgraŭ tio, ke la Fundamento asertas, ke rusoj loĝas en Rusujo, multaj rusoj loĝas en Centra Azio, kaj kiel ĉiuj scias, sen la rusa lingvo vi ne povas fari multon en tiuj landoj.

Komprenble estus preferinde havi kursojn en la kazaka, en la uzbeka ktp. Sed dum tio ne estas ebla, ni kontentiĝu pri la rusa.

Bonvolu disvastigi ĉi tiun informon al viaj konatoj en centraziaj landoj. Dankon! Renato Corsetti renato.corsetti@esperanto.org

# Esperanto-eventoj

## Tutmonde

2017/07/15-22: La 50-a Kongreso de ILEI (Busan, Koreio)
2017/07/20-22: La 1a Komuna Konferenco de IKEF (Seulo)
2017/07/22-29: La 102-a Universala Kongreso de Esperanto (Seulo)
2017/07/29-08/05: La 90-a SAT-Kongreso (Seulo, Koreio)
2017/08/05-12: La 73-a IJK (Aneho, Togolando)

2017/10/?: La 19-a Tutmonda Festivalo de Junularo kaj Studentoj (Soĉi, Rusio)

Internacia Esperanto-Sumoo
la 46a Sumoo: 2017/05/07-21
la 47a Sumoo: 2017/07/02-09
la 48a Sumoo: 2017/09/10-24
la 49a Sumoo: 2017/11/12-26
Pli detale pri Sumoo vizitu
Retejo: http://www.esperanto-sumoo.strefa.pl/index.html
Vikipedio:
https://eo.wikipedia.org/wiki/Internacia_Esperanto-Sumoo

**Azio kaj Oceanio**

2017/05/04: La 4-a Irana Esperanto-Kongreso (Teherano, Irano)
05/27: La 66a Kantoo-Esperanto-Kongreso (Tokio, Japanio)
05/27-28: La 9a Junulara Seminario de Esperanto (Harbino Ĉinio)
06/03-04: La 65a Kansaja Esperanto-Kongreso (Osako, Japanio)
07/20-22: La 1a Komuna Konferenco 2017 de IKEF (Seulo)
07/29-08/01: Bonvenon al Ŭonbulismo (Iksan, Koreio)
10/13-16: La 4-a Sudazia Seminario (Bangaluro, Barato)
11/03-05: La 104-a Japana Esperanto-Kongreso (Jokohamo)
2018.03.28-04.01: La 2-a Trilanda Kongreso de Esperanto (Bekasi, Indonezio)

## KAEM-anoj

Prezidanto: So Jinsu, so@kangnam.ac.kr
Vic-prezidanto: Inumaru Fumio, inumaru-f@nifty.com
Sekretario: Chimedtseren Enkhee, chimedtserenenkhee@yahoo.com

**Okcidenta kaj Centra Azio**

Israelo: Eran Vodevoz, evodevoz@yahoo.com
Irano: Hamed Sufi, sufihamed@yahoo.com
Taĝikio: Firdaus Shukurov, komintel@yandex.com

**Suda Azio**
Pakistano: Hafiz Abdul Qudoos Shafqat, aqshafqat1@gmail.com
Barato: Giridhar Rao, agiridhar.rao@gmail.com
Nepalo: Mukunda Raj Pathik, mpathik@gmail.com
**Sud-Orienta Azio kaj Oceanio**
Vjetnamio: (s-ino) Nguyen Thi Phuong Mai, goldenprocom@gmail.com
Indonezio: (s-ino) Ilia Sumilfia Dewi, ilia.dewi@gmail.com
Aŭstralio: Sandor Horvath, sandorhorvath07@gmail.com
Nov-Zelando: Bradley McDonald, bradley@nzea.org.nz
**Orienta Azio**
Ĉinio: Wang Ruixiang, lamondo@163.com
Mongolio: Chimedtseren Enkhee chimedtserenenkhee@yahoo.com
Koreio: So Jinsu, so@kangnam.ac.kr
Japanio: Inumaru Fumio, inumaru-f@nifty.com

**Honoraj prezidantoj de KAEM**
Puramo CHONG (Koreio)
Hori Jasuo (Japanio): hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Kompilado de la bulteno “Esperanto en Azio”
Lee Jungkee (Koreio): esperanto@saluton.net
Sasaki Teruhiro (Japanio): steruhiro@hotmail.com.co.jp
Wang Ruixiang (Ĉinio) lamondo@163.com

**Estrarano de UEA** Lee Jungkee (Koreio): esperanto@saluton.net

…………………………………………………………………….

**Esperanto en Azio**
Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
Reta adreso al KAEM: <azio@yahoogroups.com>
Retejo de KAEM: http://www.esperantoazia.net/
Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0825 Gunma-ken Maebaŝi-ŝi Ootone 2-13-3

# Azia Karavano 2-a por Venigi Azianojn al Seŭla UK 2017

Raportiĝas listo de la subvenciatoj de la 2-a Azia Karavano al la Seŭla UK.

1/ s-ro Albert Stalin Tancinco Garrido (Filipinoj),
2/ s-ro Anatoliy Ionesov (Uzbekio),
3/ s-ino Boldbaatar Munkhsaruul kaj s-ino Sukhbaatar Oyuzul (Mongolio, ili dividas la subvencion),
4/ s-ro Erlangga Femayuga (Indonezio),
5/ s-ro João da Cruz da Imaculada de Araújo Gomes (Orienta Timoro),
6/ s-ino Kirti Krishna Ratnoo (Barato/Hinda Unio),
7/ s-ino Rojita Roshani Neupane (Nepalo),
8/ s-ro Shabbir Ahmad (Pakistano),
9/ s-ino Tran Thi Hoan (Vjetnamio),
10/ s-ro Warut Bunprasert (Tajlando),
11/ s-ro Wu Guojiang (Ĉinio),
12/ s-ro Zhansultan Nurmukhanov (Kazaĥio)

La planon iniciatis la prezidanto, d-ro So Jinsu. La estraranoj de KAEM, t.e. prezidanto, vic-prezidanto kaj sekretario ricevis 30 kanditatajn dokumentojn el 13 landoj. Preskaŭ ĉiuj indas subteni. Ni, la tri decidis elekti subvenciotojn laŭ la principo: unu el unu lando, konsiderante la sumon oferitan en marto. Rezulte 13 el 12 landoj elektiĝis. inkluzive de du dividontaj la subvencion. Estis malfacila tasko. Ni taksas alte la iniciatemon de la 30 gesamideanoj.

INUMARU Fumio